povas ricevi malgravajn vundojn, ĝi baldaŭ resaniĝas, iafoje ĝi sin kovras per aknoj pli aŭ malpli doloraj kiujn oni malaperigas per kuraciloj aŭ kiujn nur tempo ebenigas. Haŭto kolore ŝanĝas, ĝi kutimas al ĉiuj agoj, renoviĝas post kelkaj jaroj, tamen la muskoloj aŭ plibone la homa korpo estas ĉiam la sama, ĝi kreskas, ĝi vivas ; nur la haŭto aliformiĝas.

Kaj Esperanto estas ĉiam kaj ĉie la Internacia Lingvo ; la regularo, haŭto ĝia, estas necesa, necesega ; kiel haŭto, ĝi kutimos al ĉiuj agoj, kelkaj negravaj vundoj, tuj kaj zorge kuracitaj, ne detruos ĝin ; oni eĉ diris al mi ke la haŭto renoviĝas pli forta, pli taŭga, en loko mem de vundo.

Kaj tio estas ĉefa kvalito de Esperanto, kiu permesas al ĝi vigle vivi kaj rapide kreski en retoj de kelkaj reguloj tre logikaj, tre simplaj, tre sanaj, kiel postulas vivema lingvo.

Pri la aknoj, negravaj eraroj, la tempo, tre potenca en tiu okazo, malaperigos ilin ; ni helpos ĝin iomete se tio estos necesa.

Jos. Jamin.



## LA BARILEGO DE LA GILEPPE (ĴILEP').

Verviers (elparolu : Vervje) estas urbo en alta parto de Belglando, apud la germana landlimo. La drapteksaĵa industrio vastiĝis multe en tiu urbo dum la dua duono de la XIX$^a$ jarcento, pro uzo de la vapormaŝinoj kaj konstruo de grandaj fabrikejoj. Tiu industrio postulas multe da akvo por eligi la langrason el la drapo. Okazis ke la rivero *Vesdre*, kiu trafluas Verviers, ne leveris sufiĉe da akvo dum somero. Tiam oni decidis kapti la akvon de rivereto *Gileppe*, kiu fluis en profunda valeto, je 9 kilometroj oriente de Verviers.

Por tio oni trabaris la valeton per murego iom malkava ĉe la akva flanko. Tiu formo kurba taŭgas tre bone por kontraŭstari la akvan puŝon. La antaŭa flanko de la murego estas trapeza. La supra paralelo estas longa je 235 metroj, la malsupra paralelo estas 82-metra, kaj la alteco estas 47,69 metroj. La dikeco de tiu murego estas ja 15 metroj ĉe la supro. La flanko ĉe akvo estas vertikala kaj la ekstera flanko estas oblikva, tiamaniere ke la dikeco ĉe la fundamento estas 66-metra. La masonaĵo enhavas 258.323 kubajn metrojn kaj pezas 794.142.900 kilogramojn. Tiu laboro kostis sep milionojn da frankoj kaj daŭris de la 1867$^a$ ĝis la 1878$^a$ jaro. Ĉe la mezo de la supro staras ŝtona leono alta je 13,5 metroj kaj kies pezo estas 130.000 kilogramoj.

Ĉirkaŭata de la bela Dukarbarego (Hertogenwald) kun partoj kiuj eniras ĉarmajn valetojn, kuŝas do artefarita lago granda je 800.000 kvadrataj metroj, kiu povas enteni 12.238.000 kubajn metrojn da akvo. La murego havas ĉe sia supra parto du elfluejojn kiuj ellasas la troan akvon, tiamaniere ke, kiam la akvejo pleniĝas, la diferenco inter la akva nivelo kaj la supro de la murego estu 1,90 m. La akvo estas alkondukata al Verviers per subtera kanalo 9-kilometra. Kun aldonaj laboroj (subtera kanalo kaj ankaŭ malgranda barilo tra alia rivereto apuda) la tuta faritaĵo kostis 11 $^1/_2$ milionojn da frankoj.

F. V.

# Lode Baekelmans.

Lode Baekelmans, Antverpenano, estas juna verkisto. Li naskiĝis en 1880. Tamen, liaj kelkaj verkoj permesas vidi en li promesontan aŭtoron. Li estas malmulte literaturisto, en la senco preciza de tiu ĉi vorto, ĉar, infano de la popolo, li aperas kiel « self-made man » (memfarita homo) kaj lia stilo mem ne ĉiam estas tre pura. Sed multaj kvalitoj reaĉetas tiun ĉi difekton.

Baekelmans estas la kantisto de la stratoj, de la malaltaj homoj de la grandaj urboj, kies kutimojn, ecojn, ĝojojn simplajn li konas perfekte. Li amas ilin, li ridas kun ili, li estas kortuŝata de ili, kaj ne faras retorikon vanan. Li estas *sincera* verkisto, iom maldelikata kaj realeca kelkafoje, sed sen brutaleco, kaj ĉiam originala. Li observas akurate, kaj posedas facilan kaj ĉarmantan ironion.

Li kunhelpis ageme la fondon de la flandra movado.

Jen estas, el unu el siaj plej kuriozaj romanoj, *Marieto de Nymegen* (Marieken van Nijmegen), originalaj priskribo kaj impresoj pri la Antverpena haveno, en la nokto :

## Nokta pejzaĝo.

Antaŭ ne longe mi vagis sola. Tra la vespero mi malrapide iris flanke de la « dokoj », aŭdante la nedifineblan brueton, ankaŭ rigardante la lunon, kiu, en duberozkolora aŭreolo, malantaŭ la sombra nubaro staris.

Ho ! la luno, tiu granda noktlumo, amiko de fantaziuloj kiel mi, konfidentulo de la drinkuloj, lampo de la vaguloj kaj sentegmentuloj, bonega helpisto de la rabistoj kaj ŝtelistoj, ĝoja, rideta perulo de la amuloj, la luno brilis en la malgajeco de la nokto.

Estis stranga vespero ! En kompatema krepuskofajreraĵo brulis la stratlanternoj : la stratoj estis forlasitaj kaj malvarmegaj vojoj de marĉaĵeta koto. Kvazaŭ okuloj, la domoj rigardis tra siaj lumigataj fenestroj ; ili ŝajnis al mi plenaj je penso, paco, kaj ankaŭ plenaj je enuo. Alte, la butikoj liniiĝis en la griza senlumeco, precize kiel dikaj, sataj kaj dormetantaj monstroj. Pli malproksime la ŝipoj kuŝis ; iliaj mastoj penetris supre en la fermita aero ; ili ŝajnis arĝentaj lancoj, ĉiufoje kiam la luno ankoraŭ aperis. Ĉu mi tie ĉi nun vagadas ? mi demandas min ? En mia ĉambro, en la trankvila rebrilo de mia bona lampo, ĉe miaj fidelaj libroj kaj mia amike ronkanta fajro, estis tamen senlime pli ĝoja ? Sed mi ne povis resti tie. Mi havis sufiĉe de tiuj dometaĵoj ; mi ekkoleris en tiu ĉi aŭreola brilaĵo, miaj sonĝoj ŝajnis al mi, tie, nesovaĝaj ; mia seĝo, maldolĉa ; mia pipo, gale sorbigita de nikotino.

Ekstere ĉio estis speciale, ĉarminde kora. Estis vespero, en kiu oni plenfeliĉe vidas flugeti siaj sonĝojn en mirinda lumo, vespero dum kiu oni deziras ploregi pro feliĉeco en la brakoj de sia fianĉino, aŭ en kiu oni konfidajn aferojn volas diri.

Tiaj vesperoj estas kiel bruetoj ĉirkaŭ via kapo ; ĉio estas ŝanĝema kaj neelfarita, sed kia belega promeso estas en la grandeco de la ŝanĝebleco !. .

Lode Baekelmans.

*Tradukis* F. de R.

# L'Esperanto et les journaux.

A un point de vue que j'oserai appeler « exégétique » il y a surtout une chose, et une grande chose, à retenir de tout ce qui s'est passé dans le monde espérantiste pendant ces derniers mois : l'attention sympathique, quelquefois même bienveillante, que les journaux et surtout ce qu'on est convenu d'appeler les « grands journaux » ont accordé à la langue internationale auxiliaire.

La cause initiale de cette attention est le Congrès. Celui de Boulogne-sur-Mer avait déjà beaucoup fait parler de lui. On n'a pas moins ergoté autour de celui de Genève. Rien que pour cela il faudra en savoir un gré infini à leurs organisateurs.

La formation d'un groupe, l'ouverture d'un cours, une conférence, une représentation théâtrale même n'excitent que médiocrement la verve de nos chroniqueurs ; mais un congrès, où plusieurs centaines de porteurs d'étoile se réunissent, parlent et banquètent ! Voilà qui est plus intéressant. Pour la première fois aussi, cette année, les agences télégraphiques se sont occupées de l' « Afero » et ont répandu, le soir même de chaque journée, aux quatre coins du monde, les décisions du congrès. Des fabricants de « mots pour rire » s'en sont mêlés, et le *Figaro*, toujours spirituel, imprimait par exemple, à la fin d'août :

*Au Congrès de Genève :*

— Prêtez-moi donc dix louis !

— C'est curieux, il y a encore des mots que je ne comprends pas !

Or, le rire désarme mieux que les arguments, et ceci est significatif.

On me dira peut être : « Qu'est ce que cela peut bien vouloir prouver, que les journaux ne conservent plus, vis-à-vis de l'Esperanto, l'attitude hostile qu'ils ont gardée pendant tant d'années ? Ce phénomène indique-t-il donc un progrès nouveau de notre cause ? Que nous importe l'opinion de telle ou telle feuille ! N'avons-nous pas les gens sensés pour nous ? »

Ceux qui parlent ainsi sont forts ignorants des conditions dans lesquelles vivent aujourd'hui les journaux, et surtout les « grands journaux. » Ils auraient eu raison il y a cinquante ans. Ils ont tort maintenant.

Une grande évolution s'est produite, en effet, à la fin du XIX<sup>e</sup> siècle, dans la conception journalistique. Le journalisme d'idées, attaché à certains principes, lié à certaines causes, enchainé à certaines façons de voir, perd de plus en plus de terrain. Les feuilles quotidiennes qui défendent nettement telle ou telle politique, qui ont une âme, une individualité propre, disparaissent peu à peu, remplacées par le journal commercial qui cherche uniquement à arriver partout et à faire le plus d'affaires possible. Les premiers auraient examiné loyalement, impartialement, l'Esperanto (lequel ne saurait être examiné partialement puisqu'il n'appartient à aucun parti et qu'il est neutre dans son essence) et l'auraient condamné — et par suite combattu et ridiculisé — ou approuvé — et par suite vulgarisé et défendu en toute occasion. Ce journalisme existe encore, et on a trouvé quelquefois certains journaux, dits de province, qui ont soutenu l'Esperanto parce que cela leur semblait bon et juste, ou bien, fait plus fréquent, parce que quelque espérantiste notoire leur en imposait et les accablait de ses arguments.

Quant aux journaux modernes, ils suivent la masse, ils l'approuvent en toutes occasions et n'ont qu'un médiocre souci de la valeur intrinsèque des conceptions de la dite masse. Leur objectif étant de se vendre partout et dans tous les milieux, ils cherchent avant tout à ne froisser personne. S'ils heurtent de front l'opinion publique, celle-ci ira au concurrent plus prudent ou plus circonspect, le tirage baissera et les bénéfices diminueront, sans parler des annonces, qui rapporteront moins. Comment, dans ces conditions, tirer à vingt pages et expédier des envoyés spéciaux au pôle Nord ?

La mentalité du journalisme moderne est donc celle-ci : Tout le monde se moque de l'Esperanto ? Moquons-nous de l'Esperanto, car cela fera plaisir à tout le monde.

Or, voici que le temps est venu où tout le monde ne se gausse plus de ce qu'on considéra un jour comme une chimère. Partout, on entend parler du Congrès de Genève. De braves pères de famille se disent : « Tiens, c'est curieux ! Cela doit pourtant être sérieux, ce machin-là ? Cela commence à prendre. Que dit la *Matinée* ? »

La *Matinée*, elle, a très bien vu ce qui se passait. Elle connait l'Esperanto depuis longtemps, et elle ne le méprise pas ; mais, provisoirement, elle hurle avec les loups. Voici qu'elle s'aperçoit cependant que ce sont les bergers qui sont les plus forts. Le vent tourne. Donnons un coup de gouvernail ! Virons de bord ! Et le bon journal, toujours soucieux de donner raison à ses lecteurs, modifie insensiblement son allure, remise ses clichés gouailleurs, et publie en bonne place le portrait de Zamenhof avec des détails complets sur la grammaire espérantiste. Il enverra d'ailleurs un correspondant spécial au prochain congrès.

Il résulte de tous ces détails — authentiques, on peut m'en croire ! — que si la presse, la grande presse, commence à s'intéresser à l'Esperanto et à le considérer sans malveillance, c'est qu'il y a quelque chose de changé dans l'opinion publique.

Qui s'en plaindrait ?

VIEILHOMME.

---

# APPEL.

Nous désirerions posséder une collection plus au moins complète des articles publiés par les **journaux belges** à propos du Congrès d'Esperanto de Genève.

Quelques rares amis nous ont envoyé de-ci de-là un n° de journal, mais ce que nous en possédons à l'heure actuelle est tout-à-fait insignifiant.

Nous serions reconnaissant à ceux qui pourraient nous faire parvenir des journaux de l'espèce.

Nous saisissons cette occasion pour prier nos lecteurs de ne pas se contenter de nous signaler, éventuellement, tel ou tel journal, mais de mettre le comble à leur obligeance en nous envoyant ceux qu'ils trouvent intéressants.

J. COOX.

# Belga Kroniko.

Ĉiuj — aŭ preskaŭ ĉiuj — belgaj gazetoj priparolis la Genev'an Kongreson. Ni ne povas citi ĉiujn; sed ni devas montri aparte la belajn artikolojn publikigitajn de Kom° Lemaire en *La Belgique Militaire*, en kiu li turnas sin speciale al la belga armeo kaj al la Ruĝa Kruco; en *L'Indépendance Belge*, en kiu li sprite mokas la rusajn kaj japanajn ambasadorojn kiuj, en Portsmouth, nur *malfacile* povis sin reciproke kompreni, *dank'* al siaj naciaj lingvoj, kune kun du fremdaj lingvoj kaj seso da tradukistoj, dum, ĉe tiu momento, la Boulogne'a Kongreso elmontris la praktikan taŭgecon de Esperanto, eĉ por personoj mez-instruaj; fine en *Le Soir* kaj *Le Congo*, en kiu nia amiko donas detalan raporton pri la okazintaĵoj de l' Kongreso.

**Antverpeno.** — S° Leŭtenanto Bayol, de St Cyr, uzis sian ĉeeston en Antverpeno, post la Kongreso de Genevo, por fari paroladon pri enkonduko de Esperanto ĉe la Ruĝan Krucon. Tiuokaze, li petas ke ni alvoku ĉiujn Esperantistojn, ĉu izolajn ĉu grupajn, por propagandi Esperanton ĉe la naciaj societoj por helpo al milit-vunditoj.

Plie, li petas ke oni sendu al li laŭlandan nomaron enhavantan ĉiujn konatajn Esperantistojn kiuj, dum milita tempo, estos:

1e ricevontaj flegojn (sekve, oni donu la nomojn de Esperantistoj-militistoj ĉiugradaj de aktivaj kaj rezervaj armeoj);
2e flegontaj malsanulojn kaj vunditojn (sekve, oni donu la nomojn de Esperantistoj-kuracistoj, ĥirurgiistoj, apotekistoj, flegistoj, pastroj, Ruĝ-Kruculinoj, k. e.).
Doni nomojn kun adreso, ankaŭ profesio dum milita tempo.

La sekretarioj de l' diversaj grupoj bonvolu diskonigi la aferon inter siaj membroj. Sendi la sciigojn al

**S° Leŭtenanto Bayol, en Saint-Cyr (Ecole) France.**

S° Bayol afable donis al ni la raporton kiun li legis pri tiu temo en

## CHRONIQUE BELGE.

Les journaux belges ont tous — ou à peu près — parlé du Congrés de Genève. Nous ne pouvons les citer tous; mais nous devons une mention spéciale aux beaux articles parus sous la signature du Comt Lemaire dans *La Belgique Militaire*, par laquelle il s'adresse spécialement à l'armée belge et à la Croix Rouge; dans *L'Indépendance Belge*, où il raille spirituellement les diplomates russes et japonais qui, à Portsmouth, ne parvenaient que *difficilement* à s'entendre, *grâce* à leurs langues nationales et à deux langues étrangères, agrémentées d'une demi-douzaine d'interprêtes, alors que, dans le même moment, le Congrès de Boulogne démontrait la valeur pratique de l'Esperanto, même pour des personnes d'instruction moyenne; enfin dans *Le Soir* et *Le Congo*, où notre ami donne une relation détaillée des journées du Congrès.

∴

**Anvers.** — Mr le Lieutenant Bayol, de St Cyr, a profité de son passage à Anvers, après le Congrès de Genève, pour donner une conférence sur la question de l'introduction de l'Esperanto à la Croix Rouge. A ce propos, il nous demande de faire appel à tous les Espérantistes, isolés ou groupés, pour propager la langue auxiliaire Esperanto dans les sociétés nationales de secours aux blessés.

Ensuite, il demande à ce qu'on lui fasse parvenir une liste, par pays, de tous les Espérantistes connus appelés, *en temps de guerre*:

1° à recevoir des soins (donc les noms des *Espérantistes*-militaires de tous grades des armées actives ou de réserve);
2° à donner des soins aux malades et blesses (donc les noms des *Espérantistes* médecins, chirurgiens, pharmaciens, infirmiers, brancardiers, ministres des cultes, dames de la Croix Rouge, etc.).
Donner les noms avec adresse, ainsi que la profession en temps de guerre.

Les secrétaires des groupes sont priés de vouloir faire le nécessaire auprès de leurs membres.

Envoyer les renseignements à

**Mr le Lieutenant Bayol, à Saint-Cyr (Ecole) France.**

## BELGISCHE KRONIJK.

*De Belgische bladen hebben alle — of op weinige uitzonderingen na — gesproken over het Congres van Geneve.*

*Alle kunnen wij ze niet aanstippen; maar vooraan moeten wij de schoone bijdragen melden van Kommt Lemaire verschenen in* La Belgique militaire, *waarin hij zich in 't bijzonder tot het Belgisch leger wendt en tot het Roode Kruis; in* L'Indépendance belge, *waar hij op geestige wijze de Russische en Japaneesche diplomaten over den hekel haalt, die te Portsmouth er maar amper konden toe komen zich in hunne nationale talen te doen verstaan, al waren zij ook geholpen door twee vreemde talen en door een half dozijn taalmannen, des te meer dat op ditzelfde oogenblik het Congres van Boulogne de praktische waarde van het Esperanto uitwees, zelfs voor personen van gemiddelde kennis; eindelijk in* Le Soir *en* Le Congo, *waarin onze vriend een omstandig verslag geeft over de dagen van het Congres.*

∴

**Antwerpen.** — *De heer Luitenant Bayol, van St Cyr, heeft na het Congres van Geneve zijne afreis langs Antwerpen ten nutte gemaakt om eene voordracht te houden over het vraagstuk: Hoe het Esperanto invoeren in het Roode Kruis. Te dien einde vraagt hij ons de welwillendheid van alle afzonderlijke en gegroepeerde Esperantisten in te roepen, om de Esperantische hulptaal te verspreiden in de nationale maatschappijen, die voor doel hebben de gekwetsten te helpen.*

*Vervolgens vraagt hij, dat men hem volgens orde van landstreek, eene lijst opmake van al de gekende Esperantisten, die opgeroepen worden* in oorlogstijd:

*1° om hulp te ontvangen (dus de namen der militaire* Esperantisten *van alle graden in de werkelijke en in de reservekorpsen);*
*2° om hulp te bieden aan zieken en gekwetsten (dus de namen der* Esperantisten *geneesheeren, heelmeesters, apothekers, ziekenbedieners, berriedragers, geloofsbedienaars, damen van het Roode Kruis, enz).*
*De namen met het adres en het beroep in oorlogstijd opgeven.*

*De schrijvers der groepen worden verzocht het noodige te willen doen bij hunne leden. De inlichtingen te zenden aan:*

**den H. Luitt Bayol te Saint-Cyr (School) Frankrijk.**

la malferma kunsido de l' Kongreso en Genevo. Ni esperas ke ni povos ĝin plublikigi en nia novembra n°.

— D° Broeckaert sciiĝas nin ke li malfermos kurson en Berĥem (Antverpeno), dum venonta Novembro.

Plie, li sukcesis akceptigi Esperanton en la programon de la edukejo de l' « Ursulines » en Londerzeel, kie kvin monaĥinoj studas la lingvon por baldaŭ malfermi kurson.

Nu, la edukejoj de l' monaĥinoj « Ursulines » estas multnombraj en Belgujo. La fakto sciigita de nia aminda korespondanto estos, eble, komenco por sistema enkonduko en la privata instruado.

— Alia novaĵo, tre grava, ĉar ĝi montras la oficialan subtenon kiun donas al Esperanto la ĉefa komerca urbo de nia lando : la Urbestraro de Antverpeno donacas al la Antverpena Grupo jaran sumon da 300 frankoj, atestante publike la utilecon de la entrepreno.

— La Antverpena Grupo dissendis cirkuleron sciigantan ke la malferma kunsido de la novaj kursoj okazos la 13an de l' nuna monato en la festa ĉambrego de l' Reĝa Ateneo ; oni havos la plezuron tie aŭdi paroladon de nia amiko advokato Michaux, el Boulogne s/M., la organizinto de la 1a Kongreso.

Tri kursoj estas anoncataj por okazi dum la tuj komenconta vintro :

**Por virinoj**, en la mez-grada lernejo *rue du Chêne :*
*Unua-grada kurso*, vendrede, je la 5a, komencante la 19an de Oktobro ;
Profesorino : Sino Broymans-De Schutter.
*Perfektiga kurso :* vendrede je la 6a. Profesoro : D° E. Leclercq.

**Por viroj**, en la kunvenejo de l' Grupo, *Taverne Royale*, Place Verte, sabate, je la 9a, de la 20a de Oktobro. Virinoj povas ĉeesti.
Profesoro : S° Vanderbiest-Andelhof.

***

**Bruselo**. — S° Kom° Lemaire faros paroladon en St Gilles (Bruselo) la 13an de Oktobro, kaj en Lieĝo dum venonta Decembro.

J. Coox.

---

Mr Bayol a eu l'obligeance de nous donner le rapport qu'il a lu sur cette question à la séance d'ouverture du Congrès de Genève. Nous espérons pouvoir le publier dans notre n° de Novembre.

— M. le Dr Broeckaert nous informe qu'il ouvrira un cours d'Esperanto à Berchem (Anvers), en Novembre prochain.

De plus, il est parvenu à faire admettre l'Esperanto au programme du pensionnat des Ursulines de Londerzeel, où cinq Religieuses étudient la langue en vue d'ouvrir un cours à bref délai.

Or, les pensionnats de l'ordre des Ursulines sont nombreux en Belgique. Le fait signalé par notre aimable correspondant pourrait être le point de départ de l'introduction systématique de l'Esperanto dans l'enseignement privé.

— Autre nouvelle, très-importante parce qu'elle montre l'appui officiel donné à l'Esperanto par notre métropole du commerce : le Conseil Communal d'Anvers donne au Groupe Espèrantiste Anversois au subside annuel de 300 francs, reconnaissant ainsi publiquement l'utilité de l'œuvre.

— La Groupe Espérantiste Anversois vient de distribuer une circulaire annonçant que la séance d'ouverture des nouveaux cours aura lieu le 13 courant, dans la salle des fêtes de l'Athénée Royal ; on aura le plaisir d'y entendre une conférence donnée par notre ami M. l'Avocat Michaux, de Boulogne-sur-Mer, l'organisateur du 1er Congrès.

Trois cours sont annoncées pour être donnés pendant l'hiver qui va commencer :

**Pour les Dames,** à l'Ecole moyenne de la rue du Chêne :
*Cours élémentaire :* le vendredi, à 5 h., à partir du 19 Octobre.
Professeur : Mme Broymans-De Schutter.
*Cours de profektionnement :* le même jour, à 6 h.
Professeur : Dr E. LEeclercq.

**Pour hommes,** au local du Groupe, *Taverne Royale*, Place Verte, le samedi, à 9 h., à partir du 20 octobre. Ce cours est également accessible aux dames.
Professeur : M. Vanderbiest-Andelhof.

∴

**Bruxelles.** — M. le Ct Lemaire donnera une conférence à St Gilles (Bruxelles) le 13 courant, et une à Liége en Décembre.

J. COOX.

*De Heer Bayol heeft de welwillendheid gehad ons het verslag mede te deelen, dat hij in de openingszitting van het Congres van Geneve gelezen heeft. Wij hopen het in ons Novembernummer te kunnen mededeelen.*

*— De heer Dr Broeckaert meldt ons dat hij in November aanstaande eenen leergang van Esperanto zal openen te Berchem (Antwerpen).*

*Bovendien is hij er toe gekomen het Esperanto op het programma te brengen in de kostschool der Ursulinnen te Londerzeel, waar vijf kloosterzusters de taal aanleeren om er kortelings eenen leergang te openen.*

*Welnu, de kostscholen van de orde der Ursulinnen zijn talrijk in België. Het feit door onzen lieftalligen briefwisselaar aangehaald zou het leidspunt kunnen zijn van het systematisch invoeren van het Esperanto bij het vrij onderwijs.*

*— Ander hoogst belangrijk nieuws, omdat het ons de officieele medewerking aantoont aan het Esperanto verleend door de handelshoofdstad : de gemeenteraad van Antwerpen geeft aan de Antwerpsche Esperantische Groep eene jaarlijksche toelage van 300 franken en erkent aldus openbaar het nut van ons werk.*

*— De Antwerpsche Esperantische groep brengt door eenen omzendbrief ter kennis dat de zitting welke het openen der nieuwe leergangen voorafgaat, zal gehouden worden op 13n dezer in de Feestzaal van het Koninklijk Atheneum ; men zal het genoegen hebben er eene voordracht bij te wonen gehouden door onzen vriend den heer advokaat Michaux van Boulogne-aan-Zee, die het 1e Congres tot stand bracht.*

*Drie leergangen worden aangekondigd tegen aanst. winter.*

**Voor Damen,** *in de Middelbare school van de* Eikenstraat.
Lagere leergang : *'s Vrijdags ten 5 u. te beginnen van 19n October leerares : Mevr. BROYMANS-DE SCHUTTER.*
Volmakingsleergang : *ten 6 u. door Dr E. LECLERCQ.*

**Voor Heeren,** *in het lokaal der Groep,* Taverne Royale, *Groenplaats. 's Zaterdags, ten 9 u., te beginnen van 20 October. Deze leergang is ook voor de damen toegankelijk.*
*Leeraar : M. VANDERBIEST-ANDELHOF.*

∴

**Brussel.** — *De heer Kt Lemaire zal op 13n dezer eene voordracht houden te St Gillis (Brussel) en eene te Luik in December.*

*Tradukis* Interim.

## Raporto sendita de la Esperantista Societo el Verviers.

**Verviers.** — Ni plezurege konstatas la seninterompitajn progresojn de l' esperantista afero en Verviers. Unue la du grupoj ekzistintaj, tiu de la « Popola Universitato » kaj tiu de « Multlingva Societo » unuiĝis je esperantista nedependa societo, kiu baldaŭ kalkulos siau 100$^{an}$ membron. Ĉirkaŭata de sindonaj kunlaborantoj, nia propagandisto S$^{ro}$ Ed. Mathieu organizis interesajn paroladojn pri Esperanto ĉe la rondoj de antaŭaj studentoj kaj lernantoj de la gimnazio. Aliaj paroladoj pri la sama objekto, pritraktantaj precipe la filologian vidpunkton, estis faratai de S$^{ro}$ Palmer ĉe la « Multlingva Societo », responde al S$^{ro}$ Nockin kiu, sciigante sian kontentiĝon pri la sukceso de Esperanto, estis doninta, ĉe la sama rondo, serion da paroladoj plenaj je argumentoj sentaŭgaj. Tiu diskutado multe helpis nian aferon kaj tiris al ni multajn simpatiojn.

La nova « Esperantista Societo » donas nun du kursojn ; du aliaj komencos je Oktobro en ĝia kunvenejo ; samtempe, sub ĝia direktado, du kursoj okazos ; unu ĉe la « Popola Universitato », alia ĉe « l' Aide Mutuelle », tre grava societo de oficistoj, kiu donigas tiun kurson same kiel la kursojn de fremdaj lingvoj.

La 7$^{an}$ de Aŭgusto okazis la finiĝo de elementaj kursoj. La lernantoj uzis tiun okazon por elmontri sian dankecon al sia prezidanto-profesoro S$^{ro}$ Ed. Mathieu. Post paroladeto de S$^{ro}$ R. Centner, honora prezidanto, kiu memorigis la sindonon de nia kunbatalanto por la propagando kaj la kursoj, per varmegaj vortoj tre aplaŭditaj, S$^{ro}$ Lange dankis kaj gratulis nian amikon je l' nomo de siaj kolegoj, donacante al li memorajon.

Jen estas la nomoj de la Komitatanoj de la Grupo de Verviers :

| | |
|---|---|
| Honora Prezidanto : | S$^{ro}$ R. Centner. |
| Honora Vicprezidanto : | S$^{ro}$ D$^{ro}$ M. Seynaeve. |
| Prezidanto : | S$^{ro}$ Ed. Mathieu. |
| Vicprezidanto : | S$^{ro}$ G. Bevernage. |
| Sekretarioj : | S$^{ro}$ H. E. Palmer (20, Place Verte). |
| | S$^{ro}$ G. Lange. |
| Kasisto : | S$^{ro}$ Jean Vandenesch. |
| · Komisarioj : | S$^{inoj}$ J. Xhoffer kaj J. Florence, |
| | S$^{oj}$ Pirnay kaj Delbascour. |

### Rapport envoyé par la Société Espérantiste de Verviers.

**Verviers.** — Nous constatons avec grand plaisir les incessants progrès de l'Esperanto à Verviers. Tout d'abord, les deux groupes existants, celui de l'Université populaire « La Mutuelle » et celui du Cercle polyglotte se sont fusionnés en une société Esperanto indépendante qui comptera bientôt son centième membre. Entouré de collaborateurs dévoués, notre propagandiste Edouard Mathieu, a organisé d'intéressantes conférences sur l'Esperanto dans les cercles d'anciens étudiants et élèves de l'Athénée. D'autres conférences sur le même sujet, considéré surtout au point de vue philologique, ont été données par M. Palmer au Cercle Polyglotte, en réponse à M. Nockin, qui, tout en déclarant vouloir applaudir à la réussite de l'Esperanto, avait donné au même Cercle une série de conférences toutes bourrées d'arguments nuls se retournant tous contre lui-même, et tendant à faire croire à l'impossibilité de l'existence d'une langue internationale auxiliaire, c'est-à-dire niant l'évidence. — Cette occasion a fait beaucoup de bien à notre cause et nous a attiré de nombreuses sympathies.

La nouvelle société Espérantiste donne actuellement deux cours ; deux autres commenceront en octobre, toujours au local, tandis que sous sa direction encore, deux autres cours se donneront l'un à l'Université Populaire, l'autre à l'Aide Mutuelle, très importante société d'employés, qui fait donner ce cours au même titre que les cours de langues étrangères.

Le 7 août se terminaient les cours élémentaires. Les élèves profitèrent de cette occasion pour manifester leur reconnaissance envers leur président-professeur, M. Ed. Mathieu. Après un speech de M. R. Centner, président d'honneur, rappelant le dévouement de notre combattant pour la propagande et les cours, en termes très chaleureux et très applaudis, M. G. Lange remercia et félicita notre ami au nom de ses camarades-élèves et lui remit un souvenir.

Voir ci-dessus les noms des membres du Comité.

### Verslag gezonden door de Esperantische Maatschappij van Verviers.

**Verviers.** — *Met groot genoegen berichten wij den aanhoudenden vooruitgang van het Esperanto in Verviers. Melden wij vooreerst, dat de twee bestaande groepen, die der Volkshoogeschool en die van den « Cercle polyglotte », zich versmolten hebben tot éene onafhankelijke Esperantovereeniging, die weldra honderd leden zal tellen. Onze propagandist, de heer Edouard Mathieu, omringd van verkleefde medewerkers, heeft in de kringen van oud-studenten en leerlingen van het Atheneum belangrijke voordrachten over Esperanto gehouden. Andere redevoeringen over hetzelfde onderwerp, vooral onder philologisch oogpunt, werden in den « Cercle polyglotte » uitgesproken door den heer Palmer, dit in antwoord aan den heer Nockin, die, hoewel voorgevende het welgelukken van het Esperanto te verlangen, in eene reeks spreekbeurten vol onzinnige en elkander tegensprekende beweringen de onmogelijkheid eener wederlandsche hulptaal had trachten te bewijzen. Dit alles is onzer zaak zeer gunstig geweest en heeft ons vele bewijzen van sympathie verworven.*

*De nieuwe esperantische vereeniging geeft voor het oogenblik nog twee leergangen ; met twee andere, insgelijks in het gewoon lokaal, zal men in October aanvangen. Van den anderen kant worden, eveneens onder de leiding der groep, nog twee nieuwe leergangen ingericht, de eene in de Volkshoogeschool, de andere in de « Aide mutuelle », eene belangrijke vereeniging van bedienden ; het Esperanto zal daar onderwezen worden op gelijken voet met de andere vreemde talen.*

*Op 7$^{n}$ Augusti werden de aanvankelijke kursussen gesloten. Te dezer gelegenheid hebben de leerlingen hunnen Voorzitter-leeraar hun besten dank betuigd ; nadien sprak de heer Eerevoorzitter Robert Centner, die in welsprekende en toegejuichte bewoordingen hulde bracht aan onzen medestrijder, den heer Edouard Mathieu, den ijverigen propagandist en bekwamen leeraar. Ten slotte ontving onze vriend den dank en de gelukwenschen van den heer Lange, die hem namens zijne medeleerlingen een geschenk tot aandenken overhandigde.*

*Voor de namen der leden van het Comiteit, zie hierboven.*

# BIBLIOGRAFIO.

*Ĉe la Presa Socielo, 33, rue Lacépède, Paris, Ve :*

**Du Rakontoj :** *La Blanka Kastelo, Esperantista Hotelo, de D. de Rothau.* . . . . . . . . . . » 1.00

*Ĉe Librejo Hachette, 77, Bd St Germain, Paris :*

**Don Juan, aŭ la Stona festeno,** kvinakta komedio de Molière, *trad. So Boirac* (sen prezo)

Analizi la verkojn de Molière ne estas nia tasko. Aliaflanke, la fameco de l' tradukinto ja sufiĉas por montri la valoron de l' nova libro. La stilo estas kiel eble plej flua, kaj oni legas ĝin plezure.

Ni tre ŝatas la oftan uzon de l' pronomo *ci*, kiun kelkaj Esperantistoj malŝatas, ni ne scias kial.

Tre certe, ne decus ke, en la verkoj de Molière, oni uzu *vi* anstataŭ *ci* (kaj pri tio ni gratulas la tradukinton); sed en multaj tradukoj de nuntempaj verkoj oni rajtus — eĉ bezonus — fari same.

**Tutmonda Jarlibro Esperantista por 1906.** (sen prezo)

500-paĝa libro kun adresoj de Esperantistoj kaj Grupoj en la tuta mondo. Kelkaj kunfratoj diras ke la enhavataj adresoj estas pli ol 30.000 ; ni pli ŝatas tion kredi ol kalkuli mem. Ni rimarkas ke la aŭtoroj ne plene atentas la sciigojn ĉu transdonitajn persone, ĉu troveblajn en la esp. gazetoj.

Prezon de tiuj libroj ni ne konas. Ni jam ofte rimarkis ke la librejo Hachette ne estas praktikema. La eldonataj libroj ne surhavas la vend-prezon, kaj tio, certe, ne helpas la disvendon.

*Ĉe British Espo Association, 13, Arundel Street,*

**Strand, London** . . . . . . . . . . . . . . » 2,00

Jen estas nova majstra traduko de majstra kaj fama verko de l' nemortebla Shakespeare. Laŭ diro de l' tradukinto, li « celis faris la tradukon *internacia* », kaj « .... penadis atingi simplan klarigon de la angla teksto... ». Kaj, efektive, tio plej bone prosperis al li ; kaj ni aldonu ke li liveris tradukon kies stilo estas vere ne riproĉinde laŭesperanta kaj tute klasikforma : en la versoj, ekzemple, la aŭtoro uzis tre oftajn intermiksojn de l' frazaj vortoj, kaj tiel imitas la grandan liberecon kiu karakterizas la latinan vortordon, kvankam malgraŭ tio la frazoj restas mirinde klaraj. Ni sentas ke li estas sperta latinisto kaj tiuj frazturnoj latinaj aldonas, por kleruloj, plian ĉarmon al la lego de tiu verko, kiu ŝajnas vere originalaĵo Esperanta. — Pro ĝia nepra korekteco kaj ĝia klasika formo ĝi plej taŭge kaj inde meritos sian lokon flanke de l' Eneido, kiel « klarigonta verko klasika » kiam, en niaj lernejoj, Esperanto estos triumfe ricevinta sian loketon flanke de l' lingvoj de Homero kaj de Virgilio. — Ni kore gratulas Son Lambert kiu, per tia lerta traduko, tre utilis al nia kara lingvo, montrante ree ĝian kapablon speguli plej arte kaj fidele la plej grandajn ĉefverkojn de l' tutmonda literaturo.

*Ĉe So E. Ĉefeĉ, 45, Christchurch Road, Streatham,*

**London,** *S. W.*

**La Langue Esperanto,** *et le moyen de l'apprendre sans leçon, en lisant une petite histoire* . . . . fr. 0,10

Nia lerta propagandisto E. Ĉefeĉ verkis novan propagandan libreton, enhavantan rakonteton aranĝitan por ke oni povu ĝin traduki per ŝlosilo, ne konante la lingvon. La broŝuro enhavas unue ok paĝojn da franclingvaj klarigoj pri gramatiko ; poste ok paĝojn por la rakonto, kvarpaĝan komentarion pri la rakonto, kaj fine la vortaron-ŝlosilon.

Jam estas pretaj la franca kaj angla eldonoj.

100 ekzempleroj kostas 7 frankojn. La belgaj Esperantistoj bonvolu ilin aĉeti kaj disdoni.

**« Portreto de Do Zamenhof »,** *sur poŝtkarto,* eldono de *Esperanto Verlag Möller et Borel,* 95, Prinzenstrasse, Berlin.

10 ekzempleroj, afranke . . . . . . . . . . fr. 1,00
50 » » . . . . . . . . . . . » 3,75

Sin turni al la eldonisto.

# AMUZAĴOJ.

## PROBLEMOJ.

**Problemo 1a.** — La partoprenanto de marŝado estas nomo de glora surmonta ebenaĵo.

**Problemo 2a.** — Se vi diras per unu vorto ke ia bruo estas nediferenca da alia, vi nomas fortulon.

**Problemo 3a.** — Ordiga nombro + papo = afrika besto.

**Problemo 4a** *(de Fino Daenen).* — Mia unua estas radikvorto de plej granda spaco akva. Mia dua estas tero moligita per akvo. Trovu mian tuton.

**Problemo 5a** *(de Sro Champy).* — mi (D k R o I) sed ne Tkont A.

**Problemo 6a** *(de Sro Cassiers).* — Malŝata ekkrio ; radikvorto de io kion donas al ni malkruela besto por lo teksado de viraj kaj virinaj vestaĵoj ; tio kio estas neniam dirinda pri la nombro da adeptoj de Esperanto ; prepozicio disdona. Tuto = persono bonfarema.

**Problemo 7a** *(de Sro Cassiers).* — Malfeliĉulo mi estas tial ke ĉu frue, ĉu malfrue, momento alvenos kiam oni mortigos min por min manĝi. Senkapigu min de nun, kaj subite mi fariĝos io malgranda kaj longforma, tre agrabla manĝaĵo tiel por junuloj, kiel por maljunuloj.

**Problemo 8a.** — Prepozicio + renversita parto de korpo + renversita poliedro = nomo de urbo el Ameriko.

Oni sendu la solvojn, al So J. COOX, en Duffel, antaŭ la 25a de Novembro. Ni publikigos la nomojn de l' divenintoj. Belajn premiojn ni disdonos al tiuj kiuj estos divenintaj plej multe da problemoj.

Oni bonvolu uzi apartajn kartojn por ĉiu serio da problemoj ; tion ni petas por plifaciligi la klasigon de l' solvoj kaj malhelpi erarojn.

## RIDIGAĴOJ.

— Jam ree nova luno ? demandis kamparano al sia najbaro ; mi dezirus scii kio fariĝos la malnova luno ?

— Frenezulo, estas la respondo, el tiu ĉi nia kara Dio faras stelojn.

Riĉa kaj fama advokato, kiu en sia mortlito volis testamenti sian tutan havaĵon al frenezulejo, respondis al persono, kiu demandis pri la kaŭzo de tiu ĉi stranga testamento :

— Nur frenezuloj, kiuj volonte procesis, havigis al mi mian tutan bienon; tial konvenas ke mi difinu specialan heredaĵon por tiuj ĉi suferantaj fratoj ; mi redonas nur tion, kion frenezuloj alportis al mi.

Kiam Jacobo Ia, reĝo de Anglujo, supreniris la tronon, li ricevis inter la multaj gratuloj unu de la antikva urbo Shrewsbury, deziranta ke lia reĝa Moŝto regu tiom longe, kiom la suno, la luno kaj la steloj daŭros.

— Bedaŭrinde, respondis la reĝo al la persono kiu prezentis ĝin, se mi farus tion, mia filo estus regonta kun kandellumo.

So VEDO,
JUNA DUFFELA ESPERANTISTO.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & C[ie] *et chez* Spineux & C[ie] *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. de Beaufront . . . . . . . . . » 2.00
Tous ces prix s'entendent : port en plus.

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen**. . . . . . . . . . . . . . fr. 0.50
Verzendingskosten daarboven.

# NIAJ VIZITANTOJ.

**JOURNAUX ESPÉRANTISTES.** **ESPERANTISCHE BLADEN.**

Sub ĵena rubriko ni enskribas nur tiujn kiuj sendas regule siajn 2 interŝanĝojn numerojn al ni. Tiamaniere, niaj legantoj havos ian certecon pri regula apero de l' citataj gazetoj.

**Amerika Esperantisto**, anglais-esperanto, à Oklahoma City (Etats-Unis) . . . . . fr. 5.00
**Antaŭen Esperantistoj !!!** espagnol-esperanto, Apartado 927, Lima, (Pérou) . . . . fr. 3.00
* **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . . . » 4.00
**Esperantisten**, suédois-esperanto, M. P. Alhbero, 37, Surbrunnsgatan, Stockholm (Suède) . » 3.50
**Esperanta Ligilo**, esperanto, en caractères Braille pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot,
**Esperanto-Journal**, français, (Administration de) Genève, pour 24 numéros . . . . » 3.75
**Esperanto**, hongrois-esperanto, M[r] Marich Agoston, Üllöi-Ut. 59, Budapest, IX . . . kr. 3.80
**Espero Katolika**, esperanto, M[r] Em. Peltier, Sainte-Radegonde lez Tours, (I. L.) (France) . fr. 5.00
* **Espero Pacifista**, esperanto, M[r] Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) » 5.00
**Foto-Revuo Internacia**, français-esperanto, 118[bis], rue d'Assas, Paris, . . . . . . » 5.00
* **Germana Esperantisto**, allemand-esperanto, MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin mark 3.00
**Idealo**, esperanto, D[r] Vitangelo Nalli, Corso Calatafimi, 495, Palerme . . . . » 3.00
* **Internacia Revuo Medicina**, en toutes langues et en Esperanto, Imprimerie Espérantiste, 33, Rue Lacépède, Paris, V[e] . . . . . . . . . . . . . . . fr. 7.00
* **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, M. P. Fruictier, 27, B[d] Arago, Paris. . . . . » 7.00
Paris, V[e] . . . . . . . . . . . . . . . . » 3.00
**Juna Esperantisto**, esperanto, 9, Avenue des Vollandes, Genève (Suisse) . . . . . » 2.00
* **Lingvo Internacia**, bimensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, V[e], . . . . . » 5.00
avec supplément littéraire . . . . . . . . . . . . » 7.50
* **L'Espérantiste**, français-esperanto, M[r] de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) » 4.00
**Ruslanda Esperantisto**, russe-esperanto, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, S[t] Petersbourg. . . » 7.50
**Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, 26, Akademicka, Leopolo, (Autriche) . . . inconnu.
**Svisa Espero**, esperanto, M[r] Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . . . » 2.50
**Suno Hispana**, espagnol-esperanto, M. Jimenez Loira, Avellanas, 11, presejo, Valencia (Espagne) » 3.00
* **Tra la Mondo**, illustré, esperanto, 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) » 8.00

# LA BELGA SONORILO

ESPÉRANTISTES BELGES !

Lisez et propagez la revue des Espérantistes Belges :

**LA BELGA SONORILO !**

Cette revue, l'une des plus anciennes, des plus sérieuses, des plus intéressantes parmi toutes les revues Espérantistes, l'organe officiel de la « *Ligue Espérantiste Belge* », est rédigée en Esperanto, Français et Flamand ; paraît tous les mois ; publie des articles très intéressants dans tous les domaines. **Abonnement : 4 frs. par an.** Envoi d'un numéro spécimen sur demande.

Pour tous renseignements, abonnements, etc., s'adresser à LA BELGA SONORILO, à *Duffel* (Belgique).

*Espérantistes Belges !*

Lisez votre revue :

La Belga Sonorilo.

# Annonces commerciales de "La Belga Sonorilo"

Commerçants !

Nulle publicité n'est plus avantageuse, plus profitable, mieux estimée que celle des journaux Espérantistes, qui sont lus, conservés ou échangés par des milliers d'adeptes. Les Espérantistes lisent leurs journaux tout entiers avec le plus grand intérêt ; ils aiment à favoriser de leurs ordres les commerçants Espérantistes.

Annonces en toutes langues. La rédaction se charge éventuellement de la traduction.

**Prix de nos annonces pour un an :**

| I page | I/2 page | I/4 page | I/8 page | I/16 page |
|---|---|---|---|---|
| I40 frs. | 80 frs. | 50 frs. | 30 frs. | I8 frs. |

Arrangements spéciaux pour autres conditions.

## " TRA LA MONDO "

**Tutmonda multilustrata revuo esperanta**

Nuntempaĵoj ; arto, literaturo, sciencoj ; komerco, industrio ; militistaro, maristaro ; teatro ; sportoj ; virina kaj gejunula paĝo ; felietono ; ludoj, konkursoj kun valoraj monaj premioj.

Ĉiuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l' landoj pritraktataj ; senpaga specimeno laŭ peto al Administranto de T. L. M., 15, Bd des 2 Gares, Meudon (S. O). France, kaj al Administranto de la Belga Sonorilo, en Duffel (Belgique).

## LINGVO INTERNACIA.

Centra organo de la Esperantistoj.

Duonmonata Gazeto tute en Esperanto : 5 fr. ; kun literatura aldono : fr. 7,50.

Presa Esperantista Societo

33, rue Lacépède, Paris Ve.

# Espero Pacifista

Monata organo de l'Internacia Societo Esperantista por la Paco. Jara abono (aŭ minimuma kotizo) : 5 fr. Krom avizo kontraŭa, la abonantoj estas enskribataj kiel aliĝantoj al la Societo. Tiu ĉi akceptas ankaŭ aliĝojn opajn. Sin turni al

**So GASTON MOCH, 26, rue de Chartres,**

*Neuilly-sur-Seine*, (Francujo).

# L'ESPERANTO.

**Solution du problème de la Langue Internation. auxiliaire**

BROCHURE DE PROPAGANDE.

*NOUVELLE ÉDITION. — 1 JANVIER 1906.*

| | | |
|---|---|---|
| PRIX : | Un exemplaire | 0.15 fr. |
| | 10 exemplaires | 1.00 » |
| | 20 » | 1.50 » |
| | 50 » | 3.00 » |
| | 100 » | 5.00 » |

# « La Belga Sonorilo »

**Collections des**

1re et 2e année chacune 5 fr.; étranger 6 fr.
3e » 4e » » 6 fr.; » 7 fr.
les 4 années : Belgique 20 fr.; étranger 24 fr.

S'adresser à *M. J. COOX*, à Duffel (Belgique).